35 KOMENTOJ DE GONÇALO NEVES PRI LA VIDEOFILMO:

**Trevor Steele:** ***La krizo de Ido: Grava epizodo en la historio de Esperanto***

https://www.youtube.com/watch?v=odNGtMax3qc




(Komentoj afiŝitaj ĉe YouTube je 23/02/2022 plurfoje, en Esperanto, sed ne aperantaj publike, pro mistera teknika kialo. Ĉi tie mi prezentas tiujn komentojn. Ekzistas Ido-traduko ĉe: https://archive.org/details/35-komenti-da-neves)

---

Dankon kaj gratulon, kara Trevor, pro la interesa kaj detala prelego pri la Ido-krizo! Mi dankas kaj gratulas ankaŭ Aŭstralian Esperanto-Asocion pro la iniciato kaj la disponigo de la prelego ĉe YouTube. Jen kelkaj rimarkoj, komentoj, kompletigoj kaj ĝustigoj:

**(1)** Mi ĝojas, ke tiun periodon vi ĝuste nomis "krizo de Ido" kaj ne, kiel multaj ĝis nun erare faris, "Ido-skismo".

**(2)** Estas vere ke "LZZ honoris Schleyer" en 1905 (kiam Volapük estis jam tre malforta kaj preskaŭ malaperonta), sed antaŭe, en 1889 (kiam Volapük estis ankoraŭ sufiĉe forta kaj ankoraŭ rolis kiel konkuranto de Esperanto), li verkis kaj publikigis, en la gazeto *La Esperantisto*, longan artikolon (nefinitan), en kiu li provis ridindigi la rivalan lingvon, kaj tiucele li eĉ inventis vortetojn, kiujn ĝis nun mi trovis en neniu el la tiamaj kaj postaj Volapük-vortaroj. Mi verkis broŝuron pri la rilato de LLZ al Volapük. [1]

**(3)** En 1894 la legantoj de *La Esperantisto* voĉdonis ne pri pluraj "versioj de Patro Nia", sed pri la tuta strukturo de la lingvo.

**(4)** Ne estas science pruvite, ke 'Louis Chevreux' estis la vera nomo de L. de Beaufront (LdB). Tio estas nur atentinta (hipo)tezo de Jossinet.

**(5)** 'Beaufront' signifas ne "bela fasado", sed "bela frunto".

---

[1] Gonçalo Neves: *Zamenhof kaj Volapük*. Bad Bellingen: Iltis 2012. 44 p.

**(6)** La nomo ne estas “elpensita de li mem” [de LdB]: ĝi jam ekzistis kiel familinomo antaŭ lia naskiĝo. Ekzemple, en Anglio staras la tiel nomata ‘Beaufront castle’, kiu datiĝas de 1837-41 (LdB naskiĝis en 1855):

https://www.heritagegateway.org.uk/Gateway/Results_Single.aspx?uid=18212&resourceID=19191

Parenteze, laŭ tiu stilo kaj nomo, oni en 1837 konstruis domegon ‘Beaufront’ en... Tasmanio:

https://www.facebook.com/DescendantsDay2013NorfolkIslandToNorfolkPlains/photos/beaufront-ross-tasmania-beaufront-was-built-for-arthur-smith-in-1837-by-stonemas/888936971136606/

La familinomo ‘Beaufront’, cetere, ankoraŭ ekzistas, kvankam ĝi estas tre malofta:

https://forebears.io/surnames/beaufront

**(7)** Carlo Bourlet mortige sufokiĝis pro engluto de osto ne de “koko”, sed de fiŝo.

**(8)** Léopold Leau estis ne “lingvisto”, sed matematikisto.

**(9)** La Internacia Asocio de Akademioj rifuzis “juĝi planlingvojn” ne en “1907”, sed en 1908.

**(10)** Couturat kaj Leau ne “invitis” LdB fariĝi membro de la “Elekta komitato”. LdB estis alelektita al la Konstanta Komisiono (*Commission permanente*), organo, kiu ekfunkcis (tre mallonge) post la disiĝo de la Komitato.

**(11)** Ne estas vere, ke la “Delegitaro” elektis Esperanton “kun kelkaj ŝanĝoj”. La ĝusta vortumo estas jena: la Komitato ‘decidis alpreni principe Esperanton, pro ĝia relativa perfekteco kaj pro la multaj kaj diversaj aplikoj jam ricevitaj de ĝi, sub kondiĉo de iaj modifoj efektivigotaj de la konstanta Komisiono en la direkto definita per la konkludoj de l’ Raporto de la Sekretarioj kaj per la projekto de *Ido*, penante interkonsenti kun la esperantista Lingva Komitato’.

Cetere, dum la prelego, vi plurfoje intermiksas la Delegitaron kaj la Komitaton. Mi invitas vin tralegi mian artikolon pri la naskiĝo de Ido:

https://ia804605.us.archive.org/4/items/naskigho_kaj_mallonga_historio_de_ido/Naskigho%20kaj%20mallonga%20historio%20de%20Ido.pdf

**(12)** Ne estas vere, ke en Ido oni uzas akuzativon “nur kiam necesas por kompreni”. En Ido oni uzas akuzativon por montri inversigon de la normala ordo de subjekto kaj rekta objekto, t.e., kiam la rekta objekto antaŭas la subjekton, ekzemple:

‘La kato manjas la muso’ (normala ordo, sen akuzativo)

‘La muson manjas la kato’ (inversigo de la normala ordo)

Temas do pri regulo.

**(13)** Neniu Idisto diris, ke la esperantaj supersignoj estas “barbaraj”.

**(14)** Neniu Idisto diris, ke la korelativoj estas “seninteresa tabelo”.

**(15)** ‘legesas’ estas neĝusta en Ido. La ĝusta radiko estas ‘lekt-’ (el la latina ‘lectus’, ‘lectura’, ‘lector’, ktp), do oni diras ‘la libro lektesas’ (la Ido-radiko ‘leg-’ respondas al la Esperanto-radiko ‘leĝ-’).

**(16)** Sten Liljedahl ja verkis la tekston de la Ido-himno, sed li ne “kreis ĝin kun la muziko de *La Espero*”. Ne ekzistas oficiala melodio por kanti tiun himnon. Kanti ĝin laŭ la melodio de *La Espero* estas nur unu el la eblecoj.

**(17)** ‘disipema’ signifas ‘malŝparema’. La radiko ‘disip-’ ekzistas ankaŭ en via denaska lingvo, la angla (‘dissipate’, ‘dissipation’).

**(18)** La Ido-simbolo estas ne “blua stelo”, sed blanka stelo sur blua fono.

**(19)** ‘unesal’ [un-es-al(a)] signifas ‘unueca’.

**(20)** Heidi Neussner ne “estis” Idistino: ŝi plu vivas kaj plu estas Idistino.

**(21)** Neniu asertis (en la Komitato kaj poste), ke Ido “estas perfekta lingvo”.

**(22)** “La vera elpensinto de Ido estis Louis Couturat” kaj “Eble Beaufront kontribuis kelkajn vortojn” estas asertoj, kiuj bezonas nuancigon kaj precizigon. Pri tio oni povas legi en mia artikolo menciita sub (11).

**(23)** Nun ekzistas ne nur la tri paperaj Ido-revuoj menciitaj (*Progreso*, *Kuriero Internaciona* kaj *Ido-saluto!*), sed ankaŭ *Ad-avane!*, eldonata en Hispanio. Krome, ekzistas ankaŭ (jam de 2011) la (nur reta) plurplanlingva revuo *Posta Mundi*, kies enhavo ordinare estas (ĉirkaŭ) duone en Ido kaj (ĉirkaŭ) duone en aliaj planlingvoj (ankaŭ en Esperanto).

**(24)** Mia antaŭnomo estas ne “Gonçalvo”, sed ‘Gonçalo’.

**(25)** Jes, mi ankoraŭ aktivas en la Ido-movado, kiel oni povas konstati ĉi tie:

https://io.wikipedia.org/wiki/Gon%C3%A7alo_Neves

**(26)** La menciita vortaro Ido-nederlanda-Ido fakte estas baza gramatiko kun vortlisto (*Basis grammatica en woordenlijst van de Internationale Taal Ido*), aŭtorita de Hans Stuifbergen. Aperis tri eldonoj (aŭ represoj): 1994, 1995 kaj 1996.

**(27)** En Ido oni ne plu parolas pri “internaciona kongresi” (internaciaj kongresoj), sed, pro la malgranda nombro da partoprenantoj, pri ‘Ido-renkontri’ (Ido-renkontiĝoj) aŭ, malpli ofte, ‘Ido-konferi’ (Ido-konferencoj).

**(28)** Ne estas vere, ke “Ili ĉiuj [la Idistoj] parolas Esperanton”, kvankam tre multaj komprenas Esperanton, ĉefe lege. Ekzemple, en 2006, dum la internacia Ido-renkontiĝo en Berlino (kiun mi partoprenis) Detlev Blanke prelegis en Esperanto kaj lin interpretis Günter Anton en Idon.

**(29)** La “plej fama [Ido-]poeto” nomiĝas Andreas Juste (1918-1998), belga advokato, tradukisto kaj verkisto, kiu aŭtoris ampleksan kaj plurĝenran Ido-verkaron:

https://eo.wikipedia.org/wiki/Andreas_Juste

Pri Ido-literaturo oni povas sciiĝi pli detale legante mian prian verkon:

https://ia801000.us.archive.org/8/items/Esperanto_kaj_Ido_malsamaj_vojoj_sur_Parnason/Esperanto%20kaj%20Ido_malsamaj%20vojoj%20sur%20Parnason.pdf

**(30)** La “belan poemon” pri la lasta sentinelo romia, kiu aludas supozatan lastan Ido-poeton, verkis ne “John Francis”, sed L.N.M. Newell (1902-1968). La poemon, titolitan “La lasta”, aperintan unue en *Dekdu poetoj* (1934), poste en *Esperanta Antologio* (1958, 2a eld. 1984) kaj fine en *Kolektitaj poemoj* (1987) Newell verkis (en 1926) ne honore al tiu “plej fama poeto” (Andreas Juste, kiu cetere komencis verki en Ido nur en la 60aj jaroj), sed honore al G.H. Richardson, ege pli frua Ido-poeto (20aj kaj 30aj jaroj).

Poste, Andreas Juste, kiu ricevis de Tazio Carlevaro kopion de tiu poemo, verkis replike, sub ĝia inspiro, sian pli ol 100-versan epistolon *Por respondar a verd akuzi* (1972, 2a eld. 1984). Tazio Carlevaro tiun epizodon detale mencias en sia artikolo ‘Andreas Juste kaj la rilatoj inter Esperanto kaj Ido’, kiu aperis en *Instrui, dokumenti, organizi*, festlibro por la 80a naskiĝjaro de Claude Gacond (2011, p. 45-57). Ekzistas reviziita kaj ampleksigita versio de tiu artikolo, kun multaj piedpaĝaj notoj aldonitaj de mi, sed bedaŭrinde Carlevaro ankoraŭ ne enretigis ĝin. Tamen oni povas iom ‘gustumi’ ĝin legante la recenzon pri la festlibro en la retejo de UEA:

https://katalogo.uea.org/katalogo.php?inf=8660&id=1534&recenzo=montru

[komentoj pri la fina debato]

**(31)** Estas ja vere, ke esprimoj kiel “mi feliĉas” imitas la modelojn de kelkaj aziaj lingvoj (ekzemple, la ĉina kaj la indonezia). En la ĉina, la adjektivoj ne varias, sed kiam ili aperas post la pronomo ili rolas verbe kaj oni ne aldonas la verbon *shì* (esti). En la indonezia, ekzemple, kiam oni aldonas la adjektivon *cantik* (bela) al la pronomo *dia* (li/ŝi), la adjektivo ekrolas verbe, do *dia cantik* estas ekvivalenta al ‘li/ŝi belas’.

**(32)** “Ĉu la Idistoj havis kunvenojn antaŭ la pandemio?”, iu demandis. Jes, jam de 1921 okazas tiaj kunvenoj. Jen ilia listo (datoj kaj lokoj):

https://io.wikipedia.org/wiki/Ido-Konferi

**(33)** La artikoloj en la Ido-vikipedio ne “estas faritaj de maŝino”. Ilin faras malmultaj sed laboremaj homoj karn-ostaj.

**(34)** Couturat mortis en 1914 kaj LdB mortis ne en "mil-naŭcent-dudek-iom', sed en 1935.

**(35)** André Cherpillod (menciita dum la debato) verkis 6 artikolojn en Ido, tre interesajn kaj belstilajn, kiuj aperis en *Progreso* (1979-80). Pli frue (1954) ankaŭ Donald Broadribb, figuro tre kara al la aŭstralia E-movado, verkis belstile en Ido: en *Progreso* ja aperis longa kaj grava letero al la redakcio kaj, poste, longa artikolo pri la Ido-transskribo de antikvaj grekaj nomoj.